# INTERNACIA FERVOJISTO




ORGANO DE I.F.E.F.

INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO

27-a jaro JANUARO-FEBRUARO 1975 N-ro 1




Kongresdomo





Villach




# IFEF deziras al vi "BONAN NOVJARON"

La Estraro deziras al la tuta membraro, al ĉiuj amikoj de nia movado, kaj precipe al ĉiuj bonvolemuloj kiuj kunhelpas al prospero de nia federacio, FELIĈON kaj SANON por la Nova Jaro.

La Estraro.

---

Nova Jaro, Novaj Esperoj... Al la bondeziroj de la estraro, mi aldonas kelkajn, speciale por nia IF-bulteno. Ni helpu ĝin trapasi ĉiujn malfacilaĵojn en 1975.

Gravajn malhelpaĵojn ĝi travivis en Novembro, kiam la sepsemajna striko de la francaj poŝtistoj ne ebligis sendi ĝustatempe IF 5, el Parizo.

Feliĉe, Bruselo estas proksima de Parizo kaj, dank'al la tre granda sindonemo de niaj belgaj amikoj, IF 5 povis tamen atingi vin ne tro malfrue.

Elkoran dankon al la belgaj kolegoj, speciale al Sro Steenhout kiu transportis la pakaĵojn ĝis Bruselo.

Ni esperu ke, en 1975, IF povos regule aperi. Kredu ke ni faros ĉion por atingi tiun celon.

La Redaktoro.

---

## GRAVAJ ENHAVAĴOJ



---


## INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO - FEDERACIO

Sekretariejo : E. Kruse, D-6 Frankfurt (M)74, Wienerstrasse — 121, GERMANIO
Redaktoro : Guy Delaquaize, 52, rue L.-Gandillet, 78420 Carrières/Seine, FRANCIO
Bankkonto : Provinsbanken — DK 9800 — Hjorring — DANIO

# ADMINISTRAJ INFORMOJ

## MEMBROSTATO de IFEF 1974

| | 1974 | 1973 |
|---|---|---|
| Aŭstrio | 202 | 202 |
| Belgio | 50 | 50 |
| Britio | 27 | 22 |
| Bulgario | 150 | 120 |
| Ĉeĥoslovakio | 60 | 85 |
| Danio | 80 | 85 |
| Finnlando | 25 | 25 |
| Francio | 360 | 320 |
| Germanio | 877 | 872 |
| Hispanio | 230 | 230 |
| Hungario | 201 | 201 |
| Italio | 130 | 115 |
| Japanio | 20 | 21 |
| Jugoslavio | 60 | 60 |
| Nederlando | 93 | 88 |
| Norvegio | 54 | 53 |
| Polujo | 25 | 25 |
| Rumanio | 20 | 20 |
| Svedio | 170 | 180 |
| Svisio | 110 | 110 |
| Izolaj membroj | 10 | 8 |
| Adoptitaj membroj | 20 | 27 |
| | 2974 | 2919 |

IFEF havas membrojn en 26 landoj.
Hjörring, la 11-a de januara 1975.

la Kasisto :
HAUGE

## Jarkalkulo 1974

| Enspezoj : | da kr |
|---|---|
| Kotizoj 1974 | 27158,09 |
| Adoptaj kotizoj | 286,20 |
| Vendo de fotografitaj kongresinsignoj | 60,73 |
| Japana fonduso | 626,99 |
| Kongresa fonduso | 643,08 |
| Rentumoj | 1491,99 |
| Gajno kursdiferencoj | 2572,72 |
| | 32839,80 |

| Elspezoj : | da kr |
|---|---|
| Internacia Fervojisto | 22560,48 |
| Estrarkunsidoj | 1624,89 |
| Administrado | 1483,38 |
| Kotizoj UEA kaj SAT | 273,00 |
| Reprezentado | 504,05 |
| Japana Fonduso | 626,99 |
| Kongresa Fonduso | 643,08 |
| Diversaĵoj | 452,66 |
| | 28168,73 |
| Plienspezoj | 4671,07 |
| | 32839,80 |

## Bilanco je la 31-a de decembro 1974

| Aktivoj : | da kr |
|---|---|
| Kaso | 315,47 |
| Poŝta ĝirkonto | 3107,83 |
| Bankkontoj Hjorring | 8320,92 |
| Bankkonto Praha | 587,70 |
| Depon- kaj ŝparlibroj | 25565,95 |
| | 37897,87 |
| Inventaro | 1,00 |
| | 37898,87 |

| Pasivoj : | | da kr |
|---|---|---|
| Kongresa Garantia Fonduso | | 3175,79 |
| Jubilea Fonduso | | 3407,45 |
| Japana Fonduso | | 626,99 |
| Havaĵo 1.1.74 | 26017,57 | |
| Havaĵpliigo 1974 | 4671,07 | |
| Havaĵo 31.12.1974 | | 30688,64 |
| | | 37898,87 |

Hjorring la 11-a de januaro 1975

la kasisto :

HAUGE

Arhus la 16-a de januaro 1975

Eigil SORENSEN
Anders KLAUSEN
Knut FISKER

## ADMINISTRAJ INFORMOJ

**Ĉu iam japanaj kolegoj en IFEF-kongreso?**

Proksimume duonon de la mondo japanaj kolegoj devas ĉirkaŭflugi por povi ĉeesti en IFEF-kongreso, kiu pro klaraj kaŭzoj nur povas okazi en Eŭropo. Eĉ se la eŭropaj kolegoj povus certigi konsiderindajn plifaciligojn en loĝado kaj manĝado, restus gigantaj sumoj por povi pagi la flugon. Tamen, ekde 1973 ni havas japanan landan asocion kaj volonte dezirus vidi en nia mezo almenaŭ iam kaj tiam amikon el fora Azio. Kiel vi, estimataj legantoj, povis legi sur paĝo 39 de IF 3/74 sub 13.1, el la membraro de IFEF spontanee venis en Tarragona la propono, starigi « Japanan Fonduson » kun la celo, per la mono en ĝi kolektota, plifaciligi al japana kolego la partoprenon en estonta IFEF-kongreso. Jam kelkfoje membroj de IFEF pruvis, ke ili pretas helpi, kiam necesas helpo. Ankaŭ ĉi-foje ni fidas al la helpemo kaj komprenemo de niaj kolegoj. Fakte tio estas okazo, montri, ke ni estas familio, mondskala familio. Pro tio ĉiu IFEF-ano estas kore petata, laŭforte kontribui al la Japana Fonduso. Simple pagu al la federacia banko (vidu en ĉiu « Internacia Fervojisto » aŭ al la kasisto de la propra lando. Sed ne forgesu la indikon « Japana Fonduso ».

Estraro.



**Honorigo por nia brita kolego Barks**

Kiel ni eksciis el la Informilo de Internacia Esperanto-Muzeo Wien, nia amiko Horace Barks ricevis novan honorigon. Liaj kolegoj fiksis ŝildon en la Centra Biblioteko de Stoke-on-Trent, kiu memorigas lian multjaran servadon al la tieaj bibliotekoj. Super la ŝildo troviĝas lia reliefa portreto. Plej kore ni gratulas nome de la tuta IFEF-membraro.

**Anoncoj en IF**

La prezo de anoncoj en IF estas :
— 1 paĝo : 600 danaj kronoj
— 1/2 paĝo : 300 danaj kronoj
— 1/4 paĝo : 150 danaj kronoj
Pluraj anoncoj : 10 % de rabato.

**La IFEF kasisto**

Sciigas al vi ke li povas disponigi ĉeĥan monon al membroj kiuj vojaĝos al Ĉekoslovakio je tre favora kurso.

Sin turni al Sro Hauge.




# LKK-27-a IFEF-Kongreso

## Informservo komunikas :

**27-a KONGRESO DE IFEF en VILLACH - AŬSTRIO**

10-a ĝis 16-a de majo 1975
Kongresejo : KONGRESSHAUS —
VILLACH (A-9500)

Konstanta adreso : 27-a IFEF-Kongreso, Schliessfach 117, A-1103 Wien. Bankkonto : SPARDA VILLACH, Bahnhofplatz 4, A-9500 - VILLACH, Konto nr. 090.060, 27-a Esperanto Kongreso de IFEF

Kongresa kotizo :

| | ĝis 31-1-75- | 1.2-14.4.75 |
|---|---|---|
| a) Kongresano : | aŭ. ŝ 260 | aŭ - ŝ - 320 |
| b) Familianoj, pensiuloj, junuloj ĝis 20-j | 130 | - - 160 |
| c) Simpatianto (ricevos Kongresaĵojn) | 60 | - - 60 |




- La 27-a Kongreso de la IFEF en Villach okazos en la kadro de FISAIC sub la honorprotekto de la aŭstria federacia ministro por trafiko s-ro Erwin LANC.

- Dum kelkaj tagoj de la kongreso funkcios en la kongresejo speciala poŝtoficejo kun oficiala esperanto poŝtstampo pri la kongreso.

- La direkcio de la termika kuracbanejo — Warmbad — Villach promesis doni tre favoran enirprezon por la kongresanoj. Bonvolu kunporti vian bankostumon.

- La kongrespartoprenontoj estas petataj ankaŭ kunporti varman vestaĵon por la ekskursoj al la montoj.

- Ĉiu aliĝinto ricevos ekde februaro — post eniro de la kongresa kotizo — la kongresan karton alsendata.

- Ĉiuj hoteloj kaj magazenoj troviĝas proksime de la kongresejo kaj de la fervoja ĉefstacio.

- Kongresaj glumarkoj — diverskoloraj — estas haveblaj ĉe la LKK kontraŭ pago de aŭ.ŝ. 5, — po folio 10 pecoj + sendkostoj de aŭ.ŝ. 2,50 aŭ kontraŭ 3 int. resp. kup. vi ricevos 2 foliojn.

- Kara IFEF-ano, impona kaj moderna kongresejo — KONGRESSHAUS — Villach atendos vin. Do, ne prokrastu — tuj aliĝu ! LKK dankas !

Geroldinger.

# TAGORDOJ KOMITATAJ KUNSIDOJ

**I-a Kunsido Estraro — Komitato** (ne publika)

1) Kontrolo de la mandatoj
2) Elekto Junularaj Kromkomitatanoj
3) Elekto ĉefkomitatano
4) Diskuto kongresproponoj
5) Diskuto skemo landaj jarraportoj
6) Diskuto estraraj raportoj
7) Laboro de speciala (j) komisiono (j)
8) Honorigoj
9) Diskuto buĝeto 1975
10) Diversaĵoj

**II-a Kunsido Estraro — Komitato** (publika)

1) Malfermo
2) Kontrolo de la mandatoj
3) Raporto de la ĉefkomitatano
4) Jarraporto landaj asocioj
5) Diskuto buĝeto 1976
6) Diskuto kongreslokoj 1976-77
7) Rilatoj FISAIC, UEA, SAT, sindikatoj, Fervojaj administracioj, neŭtralaj Esperanto-organizaĵoj
8) Kontaktkunveno kaj Fakprelego UK Kopenhago
9) Diversaĵoj

**Plenkunsido** (publika)

1) Malfermo
2) Telegramoj, leteroj
3) Kontrolo de la mandatoj
4) Konfirmo de la gvidantoj resp. sekretarioj de la Junulara Sekcio, Fakprelega kaj Terminara Komisionoj
5) Raportoj Estraranaj
6) Raporto de la revizoroj
7) Raportoj de ĉiuj komisionoj
   7.1) Terminara Komisiono
   7.2) Fakprelega Komisiono
   7.3) Junulara Sekcio
   7.4) Komitatano A de UEA
   7.5) Gvidanto (j) de speciala (j) Komisiono (j)
8) Konfirmo de kotizo 1976 (nenia ŝanĝpropono)
9) Aprobo buĝeto 1975 kaj 1976
10) Elekto revizoroj
11) Decidoj kongresproponoj
12) Elekto kongreslokoj 1976 kaj 1977
13) Organizaj aferoj — Varbado — Historio IFEF
14) Informoj — Diversaĵoj
15) Libera diskutado

La ĉefkomitatano :
Kurt Greutert.

# TAGORDO KOMISIONAJ KUNSIDOJ

**Fakprelega Komisiono**, tagordo por dumkongresa kunsido

1) Pri senutila laborigo kaj sencohava gekunlaboro ; raporto pri la agado en la jaroj 1973-1974 kaj 1974-1975
2) Ideala konsilantaro laŭ fakprelega regularo
3) Organizo kaj aranĝo de fakprelegoj ; gvidlinioj kaj spertoj ; reviziado kaj limdatoj
4) Prelegotemoj kaj kunlaborantoj por la 28-a kaj 29-a kongresoj ; prelegoj kaj aliaj fakaj eventoj en ceteraj kunvenoj
5) Ideoj, instigoj, diskuto

komisionestro
W. Brandenburg.

**Junulara Sekcio**, tagordo por dumkongresa kunsido

1) Pligrandigo de la nombro de gejunuloj en la fervojista esperantista movado
2) Rilatoj al ne-esperantistaj junularaj organizaĵoj kaj propagando de Esperanto
3) Junularaj aranĝoj

gvidantino de Junulara Sekcio
Mirella Merlani

La ĉefkomitatano :
Kurt Greutert.

# KONGRESPROPONOJ

**Kongrespropono 1**

F.E.R.N. (Nederlando) proponas ŝanĝi la nomon de la jubilea fonduso IFEF en iun ĝeneralan fonduson, el kiu ekzemple la IFEF-estraro povus preni monon por ebligi al ne-eŭropanoj viziti la IFEF-kongresojn.

**Kongrespropono 2**

FFEA (Francio). — Malgraŭ la lastaj asertoj de la nova prezidanto de U.E.A., ni ege timas, ke ties komitato fine decidos transpasi la limojn de la neŭtraleco, klare difinita de Prof. LAPENNA. Sekve, ni proponas, ke I.F.E.F. starigu komisionon de almenaŭ 3 membroj (el 3 malsamaj landoj) por efike kontroli la agadon de la novaj estraro kaj komitato de U.E.A. sur la kampo de la neŭtraleco.

Se montriĝus, ke la komitato de U.E.A. ne respektas ties statutan neŭtralecon, I.F.E.F. ne plu povus resti fak-asocio aliĝinta al U.E.A.

**Kongrespropono 3**

FFEA (Francio). — Ordigi, ekde la komenco de la kongreso-semajno (sabate vespere aŭ dimanĉe) laborplanon por grupigi interesulojn el pluraj landoj, kiuj diskutos, dum la sekvantaj tagoj, pri gravaj kaj ĝeneralaj temoj rilate al la vivo de la movado : varbado, kursoj, informado, ktp...

Bonajn sugestojn oni aŭdas dum la kongreso, sed pro manko da tempo kaj ĉefe pro ne-kono de bonvolemuloj, la sugestoj restas nur ideoj kaj ne realaĵoj.

Pro tio estus bone, ke I.F.E.F. prizorgos pri starigo de aretoj, kiuj kunvenos je lokoj kaj horoj fiksitaj fare de I.F.E.F. kaj de la L.K.K. por debati pri temoj anoncitaj ekde la komenco de la kongresosemajno. Ĉiu komisiono konsistos el 5 aŭ 6 membroj el diversaj landoj, kiuj sciigos tion, kio estas farita en sia lando, kaj kiuj proponas planon por pli ampleksa realigo en ĉiuj landaj sekcioj de IFEF de la fruktdonaj agadoj.

**Kongrespropono 4**

FFEA (Francio). — Starigo de internacia korespond-servo por la I.F.E.F.— anoj.

Multaj I.F.E.F. anoj deziras korespondi kun kolegoj eksterlandaj sed ne scias al kiu direkti sian peton (precipe kiam ili estas komencantaj aŭ izoluloj).

Responsulo en ĉiu lando-sekcio de I.F.E.F. informu I.F.E.F. — responsulon por interŝanĝo de adresoj, eventuale pere de I.F. kaj de landaj bultenoj.

La intensa korespondado inter I.F.E.F. anoj ebligos pli viglajn rilatojn, kiuj verŝajne plezurigos la membrojn kaj estos profitplenaj por nia Federacio.

Ĉiu anoncanto estu devigata respondi al ĉiu respondonto.

**Kongrespropono 5**

PFEF (Pollando). — Laŭ § 12 de la Statuto IFEF povas esti elektitaj de **landaj** asocioj komitatanoj. Nia propono tekstas : La Statuto antaŭvidu ankaŭ elekton de « krom-komitatanoj » aŭ de « reprezentantoj » de landaj aŭ lokaj fervojistaj organizaĵoj, speciale en kazoj, se landaj sekcioj de IFEF estas lik-

vidataj fare de al UEA apartenantaj landaj asocioj.

**Komentario** : La fervojista sekcio en Pollando estis likvidita fare de la Pola Esperanto-Asocio kaj ekzistas pluen nur kiel loka grupo en Gdansk, subordigita post la likvido al la loka filio de PEA en Gdansk. Ĉar nur landaj organizaĵoj rajtas elekti komitatanojn, ni proponas antaŭvidi ankaŭ la elekton de « kromkomitatanoj » aŭ « reprezentantoj » de landa aŭ loka grupo por ne perdi la kontakton kaj antaŭ ĉio la kunlaboron kun IFEF.

la ĉefkomitatano :
Kurt GREUTERT.

# INFORMOJ EL LA IFEF-SEKCIOJ

## NEDERLANDO

### Rekordo en Nederlando

Unu el la plej aktivaj inter ni, la prezidanto de Fervojista Esperantista Rondo Nederlanda, festis la 25-an jubileon de sia prezidanteco. Jam en 1936 J.J. Labordus, tiam 24 jara, esperantistiĝis kaj baldaŭ ekaktivis en la estraro de la sekcio Zuilen de la Federacio por Laboristoj Esperantistaj. Kiel por aliaj ankaŭ por li la milito interrompis la agadon. Sed kiam en 1946 la fondintoj de FERN petis la grupon Utrecht, transpreni la estrartaskojn por tiu nova asocio, ankaŭ kolego Labordus, dejoranto ĉe la tranpostentrepreno « Van Gend en Loos », pretis eniri en tiun estraron. Li okupis sin pri propagando. Pro langdaŭra grava malsano li jam baldaŭ devis ĉesi tiun kunlaboron. Sed en 1949 li reaperis. La jarkunveno de FERN elektis lin prezidanto. Kaj de tiam seninterrompe li plenumis tiun funkcion. Kaj denove la jarkunveno de FERN en septembro 1974 reelektis lin por la 26-a jaro !

Jen vera rekordo. Sed tio ne estas ĉio. Same longe li ankaŭ reprezentis sian landon kiel delegito respektive komitatano en la IFEF-kongresoj. Lia altstatura persono neniam estis pretervidebla kaj grave li kontribuis al rezultoplena laboro per sia ĉiam afabla kaj objektiva argumentado kaj diskutmaniero, same pro siaj trafe pripensitaj ideoj. Pro tio la IFEF-komitato fidis al li la funkcion de ĉefkomitatano dum kelkaj jaroj. Krome dum 2 jardekoj ĝis 1971 Labordus laboris sur la kampo de la terminara agado, tiel i.a. grave kontribuante al la eldono de la nederlanda terminareto.

Sed la vivo en nia federacio ja ne estas imagebla sen personaj kontaktoj. Kaj ankaŭ ĉi-rilate lia agrabla maniero ebligis al li multajn kaj daŭrajn amikecajn rilatojn al multaj IFEF-membroj kaj altan estimon ĉiuflankan.

Labordus estas prezidanto ne nur laŭnome, sed li elĉerpis kaj utiligas ĉiujn disponeblajn eblecojn por pozitive influi la situacion de sia landa asocio. FERN kaj IFEF ŝuldas al li multan dankon. Kiel eksteran etan rekompencon, IFEF donacis al li diskon de konata rusa aktoro N. Rytkow. Krome ni ligas al tiu danko la deziron kaj esperon, ke la sorto favorigu lin ankoraŭ longtempe, por ke li ankaŭ estontece ofte aktive estu inter ni.

GIESSNER,
Prezidanto.

## ITALIO

### Jubileo en Verona

Partopreninte la 45-an Italan Esperanto-Kongreson en Verona mi estis atesta-nto, kiam la ministro pri laboro, S-ro Luigi Bertoldi, honorigis nian italan amikon Gino Corso per arĝenta pokalo pro lia pli ol 25-jara agado por Esperanto kiel fervojisto.

Ni memoru : Gino Corso, kiu laboras en Lokomotiv-riparejo de Verona, fondis en tutjuna aĝo la unuan Esperanto-grupon de Fervojistoj en Verona. Li partoprenis ankaŭ la restarigan kunvenon en Milano la 17-an de septembro 1950, kie la itala asocio (AIFE) oficiale renaskiĝis. Corso — tre modesta homo — ĉiam sukcesis trovi simpatiantojn kaj valorajn kunlaborantojn. Kiel vicsekretario de AI FE li daŭre estis la motoro. Dum la 6-a IFEF-kongreso de Verona en 1954 li estis kune kun la iama prezidanto Cesare Ceroni Bassani la ĉefa organizanto. Corso tre interesiĝis ankaŭ pri la ĝenerala Esperanto-movado itala. Kiel mi povis konstati en Verona, li estis unu el la plej agemaj membroj de LKK.



Mi ĝojis, ke mi havis okazon, nome de IFEF gratuli al amiko Corso kaj transdoni al li diskon de la rusa aktoro Nil. Rytkow.

E. KRUSE,
Sekretariino.

---

## DANIO

La ĝeneralkunveno de DEFA okazos en Aarhus la 15-an de Marto 1975.

A. HANSEN.

## SVISIO

### 16-a Eŭropa Feriosemajno en Svislando (EFS)

Ĝi okazos de la 31-a de aŭg. ĝis la 6-a de sept. 1975 sur Fürigen apud Stansstad ĉe Vierwaldstätter-lago kaj estas organizita de Svisa Asocio de Esperanto-Fervojistoj (SAEF). La semajnprogramo konsistas el antaŭtagmezaj Esperanto-lecionoj trigradaj, gvidataj ekskursoj variaj kaj vesperaj aranĝoj distraj.

Anoncojn kaj informpetojn oni adresu al S-ro Ernst Glättli, SAEF-sekretario, Laurstrasse 17, CH-5200 BRUGG (Svislando).

SAEF.

## GERMANIO

Dum la GEFA-jarkunveno en Bamberg invitis la distriktkomisiito Weidacher el München por la venonta jarkunveno al Garmisch-Partenkirchen. Ĝi okazos kiel kutime en oktobro kaj nome dum la semajnfino 10.-12.

Garmisch-Partenkirchen, tre konata sudgermana sportloko en la alpoj, situas sur la linio de München tra Mittenwald al Innsbruck en tre bela regiono. Ĝi vere meritas viziton ne nur (kompreneble ankaŭ) por la GEFA-jarkunveno, sed samtempe en oktobro eblos tie ferii ne tro multekoste. Jam nun planu viajn feriojn kaj decidu kelkajn tagojn por ĉerpi el la bela naturo fortojn kaj novajn impulsojn.

GEFA.

# TEKNIKO

## Franca Trajno TGV001




CELE AL 300 km/h !...

Kiam, en la jaro 1956, S-ro den Holländer kaj S-ro Louis Armand konceptis la projekton de rapidaj komunikoj inter kelkaj el la grand-urboj eŭropaj, ili certe ne antaŭvidis, ke, el 300 interurbaj komunikoj, 150 iam povos okazi je komerca rapido de 120 ĝis 149 km/h, kaj almenaŭ 3 je 200 km/h. Tio ja baldaŭ eblos, kiam la maksimuma rapido atingos 250 kaj 300 km/h.

En 1957, ektrafikis la unuaj 10 Transeŭropaj ekspresoj (TEE) : rapidaj trajnoj el dizelaj motor-vagonoj, en kiuj la policistoj kaj doganistoj dejoris dum-vetere por ŝpari tempon ĉe la land-limoj. En 1974, trafikas 43 TEE-oj., ĉu per elektraj trajnoj aŭ per motor-vagonoj, kiuj ofertas grandan komforton al la pasaĝeroj kaj rapide veturas : kelkaj ĝis 200 km/h por certigi komercan rapidon ofte superantan 130 km/h.

Ĉiu el tiuj trajnoj ricevis bapto-nomon, ekzemple : BRABANT, BLAUER ENZIAN, Le MISTRAL, Le CAPITOLE, GOETHE, PARSIFAL, RHEINGOLD, CATALAN-TALGO, SETTEBELLO, VESUVIO, REMBRANDT, GOTTARDO, HELVETIA, ktp.

En Francio, la nuntempe plej rapida linio certe estas tiu, kiu kunligas Parizon kun la haven-urbo Bordeaux, ĉar pluraj trajnoj ĉiutage veturas ĝis 160 km/h sur 60 % de la linio, kaj ĝis 200 km/h su rla ceteraj 40 % (= 232 km). La TEE « Aquitaine » (elp. akiten') traveturas la tutan distancon (581 km) en nur 4 horoj, t.e. je komerca rapido 145 km/h. La 9 komfortajn pasaĝer-vagonojn trakcias elektra lokomotivo tipo CC 6500 (povumo : 8000 ĉp ; pezo : 114 tunoj).

En la kadro de Unio Internacia de la Fervojoj (UIC), pluraj retoj studis la konstruadon de novaj linioj je granda rapido (250 ĝis 300 km/h) kaj samtempe la plej taŭgajn rimedojn por la trakciado de la trajnoj ; Jen la ĉefaj etapoj pri la trakciiloj :

En 1955, la francaj fervojoj montris la eblojn veturi je grandaj rapidoj : 2 elektraj lokomotivoj ja tiam atingis 331 km/h.

Ekde 1967, la japanaj fervojoj realigis rapidegan linion « TOKAIDO » (kaj poste ĝis SAN-YO), kaj tiel certigis la rentabilitaton de tiaj linioj traveturitaj ĝis 210 km/h (kaj poste ĝis 260 km/h).

Inter 1969 kaj 1973, diversaj fervojoj eksperimentis motor-vagonojn je rapidoj de 200 ĝis 250 km/h : Britujo (APTE), Germanio (103.118.6), Sovetio (ER 200), Usono (Metroliner), ktp...

En Francio, oni atingis bonegajn rezultojn per la gas-turbinaj trajnoj :

la unua ja naskiĝis en 1966, kaj de tiam veturis sur 250.000 km je rapidoj 200 / 250 km/h. La unua serio « ETG » (14 trajnoj) regule trafikas, de post 1970, sur la linio Parizo-Caen-Cherbourg : povumo : 1150 ĉp el gas-turbino, kaj 450 ĉp el dizel-motoro ; tuta pezo : 144 t, tuta longo : 87 m, kapacito : 56 sid-lokoj en la unua klaso, 132 en la dua, kaj 14 en la restoracio ; maksimuma rapido : 180 km/h, tie limigita je 160 pro la signalaro ; komerca rapido inter Parizo kaj Caen (239 km) : 130 km/h.

La dua serio « RTG » regule trafikas, de post 1973, sur la linioj Lyon-Nantes (683 km) kaj Lyon-Strasbourg (488 km). La trajnoj estas movataj per 2 gas-turbinoj de entute 2310 ĉp, kaj ekipitaj per 2 etaj gas-turbinoj (870 ĉp) por la funkciad-servoj. Ili estas pli komfortaj ol tiuj de la unua serio kaj ofertas : 60 sid-lokojn en la unua klaso, 220 en la dua, kaj 24 en la restoracio. La maksimuma rapido estas 200 km/h. Sam-speca serio veturos ankaŭ sur aliaj linioj, kies trafiko ne pravigas la elektrizadon (Parizo-Baselo, Parizo - Clermont-Ferrand, ktp...). Pluraj sam-tipaj trajnoj, akiritaj de « Amtrak » (Usono), jam transpasis Atlantikon por regule trafiki sur la linioj Chicago-Saint-Louis (456 km) kaj Chicago-Milwaukee (136 km). Aliaj liveroj sekvos, sed « Amtrak » poste konstruigos la « RTG »-trajnojn en Usono.

En 1974, la usonaj fervojoj eksperimente pruvis, spite al pesimistaj teoriuloj, ke motor-vagono, kun radoj sur reloj, povas atingi la rapidon 400 km/h. Temas pri la tipo « DOT-Garret » kun turbinoj kaj reaktoroj.

Ankaŭ en 1974, la eksperimentoj de la francaj fervojoj montris, ke trajnoj sur novaj linioj povas regule veturi ĝis 300 km/h, same bone ĉu la radaksaj motoroj estas provizitaj per elektro el gas-turbina alternatoro (turbin-trajno « TGV 001 »), aŭ el katenario (motor-vagono Z 7001).

« **TGV 001** » estas la lasta naskito de la turbin-trajna familio, kiu, de post 1972, prove veturis sur pli ol 180.000 km, je rapidoj superaj al 250 km/h (pli ol 500 veturoj) kaj al 300 km/h (pli ol 90 veturoj), kaj eĉ ĝis 318 km/h. La trajno konsistas el motor-vagono + 3 vagonoj + motor-vagono, kiuj estas speciale aranĝitaj : 5 vagon-kestoj sur 6 boĝioj. En ĉiu motor-vagono : 2 turbin-motoroj (1300 ĉp × 2), kuplitaj kun rotaci-rapida konvertoro kaj kun alternatoro, kiu provizas la elektro-motoron de ĉiu radakso.

« **Z 7001** » estas nova elektra motor-vagono, kiu, en 1974, veturis ĝis 306 km/h, sub kontinu-kurenta katenario 1500-volta. La radaksoj estas ekipitaj per la samaj elektro-motoroj kiel tiuj de la turbin-trajno « TGV 001 », sed la ceteraj partoj diferencas, ekzemple per speciala boĝio Y 226, la bremso-sistemoj, ktp...

Konklude, oni povas diri, ke, dank' al siaj altaj kvalitoj (ŝparo pri energio, spaco, ktp...., kaj veturado silenta....), la turbin-trajno « TGV 001 » plene taŭgas por la rapidegaj linioj konstruotaj en Francio, kaj eĉ en Eŭropo (projektoj en la kadro de UIC). Tamen, la mirindaj rezultoj de la elektra motor-vagono « Z 7001 » pruvas, ke ĝi ankaŭ taŭgas, des pli se plialtiĝos la kosto de la petrolo. Sekve, oni de nun povas certigi, ke la distanco inter Parizo kaj Lyon (423 km, laŭ la nova linio) estos traveturita en 2 horoj. Tiu, inter Parizo kaj Marseille (774 km), en 4 h 43', ktp....

Aliaj linioj je granda rapido estas projektitaj, sed ankoraŭ ne aprobitaj de la registaroj. Jen kelkaj vetur-tempoj antaŭviditaj : Parizo-London : 2 h 40' ; Parizo-Bruselo : 1 h 30' ; Londono-Bruselo : 2 h 30' ; Londono-Köln : 4 h 30' ; Londono-Ĝenevo : malpli ol 6 h (tra la sub-mara tunelo) Parizo-Strasbourg : 2 h 5' ; Parizo-Frankfurt : 3 h 52' ; Parizo-Stuttgart : 3 h 50'.

Nova erao jam komenciĝis por la fervojoj ! A. Blondeaux.




# La 27-a KONGRESO PREZENTAS

**VILLACH, Kongres-urbo**

En la centro de Karintia lago- kaj montoregiono, sur kruciĝo de internaciaj trafiklinioj, ĉe la Drau, al la ĉefrivero de Karintio, situas la kuracurbo Villach kun la terma kuracbanejo Warmbad-Villach. Multnombraj historiaj vidindaĵoj memorigas al la varia historio de la urbo, kiu jam estis valora pontloko dum la antikva epoko. Inter la jaroj de 1007 ĝis 1759 apartenas la urbo al la ĉefabatejo Bamberg.

Ŝirmata pere de remparo de la Karawanken, la Karnischen kaj Julischen Alpoj, de la Hohen Tauern kaj Nockmontoj, la urbo posedas konstantan mildan klimaton. La elprovita junigata kuracforto de la termal-kuracbanejo Warmbad Villach jam estas konata ek de prahistoria tempo kaj benitaj ŝtonoj dediĉite al la diaĵoj de la fonto deduktas longan uzadon de la termoj, minimume jam dum 2.000 jaroj. La novkonstruita halbanejo situas rekte super la termaj fontoj, estas plenklimatigita kaj la kurinstalaĵoj sufiĉas la plej altajn pretendojn.

Dank'al la centra situacio de la urbo, la plej eminentaj varmaj banlagoj estas rapide kaj senpenige atingeblaj sur bonaj statoj kaj pere de densa trafikreto.

Okcidente de Warmbad leviĝas la impona montomasivaĵo Villach-a Alpo. De la 2166 metroj alta pinto la migranto povas ĝui plenplenan panoramon al la ĉeno de la Karawanken, Karnischen kaj Julischen Alpoj, la Hohen Tauern kaj al la Karintiaj lagoj. La Villach-a Alpo estas ŝatata belvid- kaj skimonto, bone atingebla pere de novkonstruita aŭtostrato kaj telferoj.

Kelkaj kilometroj de la urba centro, de la okcidenta fino de Ossiacher Lago direktas kablofervojo al la Kanzelhöhe (1500 metroj). De tie oni povas atingi la Gerlitzen (1911 m. s. m.) pere de diversaj montoliftoj. La Kanzelhöhe kaj la pinto de Gerlitzen havas la plej intensan transviolan radioterapion de mezeŭropo. Aŭtomobilistoj povas veturi sur monta strato en la proksimecon de la pinto de Gerlitzen. Dum la vintro, la urbo Villach estas centro de la vintra sporto pere de ĝiaj facile atingeblaj kaj bone ekipitaj skiterenoj kun multaj skipistoj kaj eblecoj de ekskursoj.

La pozicio de Villach, meze de la pitoreska regiono, faras la urbon al eminenta kuraca kaj refreŝiga loko dum ĉiu sezono, kiu al la kuracgasto prezentas diversajn abundajn eblecojn ankaŭ paralele al la kuracado. Dum printempo kaj aŭtuno invitas la montoj kaj arbaroj al refreŝigaj promenadoj kaj ekskursoj. Dum somero ekzistas eblecoj de naĝado kaj akvosporto en la diversaj lagoj. Ĉasado, fiŝkaptado, rajdado, grimpado kaj kelkaj aliaj sportaj specoj estas praktikeblaj en kaj ĉirkaŭe de Villach. Dum vintro ekzistas multaj eblecoj praktiki la blankan sporton. Refreŝiĝon kaj malaciĝon donas sunaj tagoj en nebullibera aero.

En la hoteloj, gastejoj kaj pensionoj oni bone zorgas por la kontenteco de la gastoj. Multaj kulturaj kaj sportaj okazaĵoj prezentas amuzeblecojn. Pere de la novkonstruita kongresdomo

en la urbocentro kaj de la kongresinstalaĵoj en la kuracsalono de Warmbad apartenas Villach al la eminentaj kongresurboj en Aŭstrio. La modernaj produktofortaj vendejoj de la urbo faras tiujn al ŝatata centro de aĉetado en la regiono de Karintiaj lagoj kaj montoj.

Ĉu somero, vintro, printempo aŭ aŭtuno, en Villach estas ĉiam sezono.

## LA DOBRATSCH




En la ekskursprogramo de la 27-a Kongreso de IFEF antaŭvidas ekskurson al la monto Dobratsch, kiu ankaŭ estas nomata Alpo de Villach —elparolata dobraĉ kaj filaĥ—. De Villach nun kondukas la novkonstruita strato al la monto Dobratsch, de kie oni havas la plej belan ĉirkaŭrigardon en la tutan landon. De ĝia pinto, kiu havas la altecon de 2166 metrojn, oni povas — se la vetero estas sufiĉe bela—, vidi eĉ la Grossglockner, kiu estas la plej alta monto de Aŭstrio — 3798 m. Sed ankaŭ en aliaj direktoj oni povas vidi preskaŭ la tutan landon de Karintio kaj tial ĉi tiu monto ankaŭ ofte estas nomata la « Karintia Rigi ». Ĝis antaŭ ne longe oni devis grimpi perpiede dum multaj horoj, se oni volis ĝui la belan panoramon, sed nun oni povas veturi per aŭtomobiloj rekte sur la monton. Kompreneble ne ĝis la pinto. Nome la aŭtostrato —unu el la plej belaj alpostratoj de Eŭropo— komencas en la proksimeco de la urbo Villach kaj finiĝas en la alteco de 1732 m. La strato estas asfaltita, havas longecon de 16,5 da kilometroj kaj estas larĝa 6 metrojn. Ĝia leviĝado estas 10 %, do, estas tre facile sur ĝi veturi per aŭtoj aŭ aŭtobusoj. Je la fino de la aŭtostrato kompreneble ankaŭ estas la ebleco parki kaj estas loko por pli ol 300 aŭtoj. Sed ankaŭ apud la strato diversaj parklokoj invitas vin, iomete ripozi kaj rigardi la belan ĉirkaŭaĵon.

De la stratofino nun ankaŭ kondukas seĝolifto ĝis preskaŭ al la pinto de la monto. Do, tiamaniere vi povas veturi ĝis al unu el la plej belaj elrigardpunkto de la Orientaj Alpoj. Oni vidas de la Juliaj— kaj Karniaj Alpoj ĝis la Nordaj Kalkalpoj kaj de la kroata Uskok-Montaro ĝis la Alpoj de la Otztal. Nun iom pri la seĝolifto, ĝi glitas trans longeco de 900 m kaj la altecdiferenco estas 216 da metroj. La veturrapideco estas dum la vintro 2,5 m po sekundo, tiamaniere la lifto povas transporti po horo 450 personojn. La veturado daŭras 5, 1/2 minutojn. Dum la somero la rapideco estas iomete pli malalta kaj daŭras 7 minutojn, ĉar la liftrapideco estas nur 2 metroj po sekundo. Dum la somero la lifto povas transporti 360 personojn po horo. La lifto ankaŭ havas aŭtomatan malrapidveturadon, kiu reduktas la tempon de 2,5 ĝis 0,5 metroj po sekundo, tre agrabla helpo kaj facileco se vi volas forlasi la seĝon de la lifto.

Sed la Alpo de Villach ankaŭ havas tre interesan historion. Antaŭ multaj jaroj, precize la 25-an de januaro 1348 la tuta suda parto de la monto falegis en la profundecon, la kaŭzo verŝajne estis tektona tertremo. Estis unu el la plej grandaj katastrofoj en la homa historio. Dum ĝia falego la ŝtonaĵo surŝutis 17 vilaĝojn, 3 kastelojn kaj 9 preĝejojn. Kiom da homoj perdiĝis dum ĉi tiu malfeliĉo, ne estas

konata, ĉar tiam ja ankaŭ la preĝejlibroj — se ili ekzistis— perdiĝis, sed kelkmil da homoj estis mortigitaj per la rokoj kaj ŝtonaĵoj kaj verŝajne ankaŭ multaj dronis en la ondoj de la rivero Gail. Ĉi tiu rivero preterfluas sude de la monto kaj ankaŭ estis superŝutita kaj kiel sekvo ĝi inundis la tutan ĉirkaŭaĵon. Laŭ raporto de samtempuloj dum longa tempo la tuta Gailvalo estis granda lago. Kaj ankoraŭ hodiaŭ, se oni traveturas la Gailvalon, oni vidas grandajn rokojn kaj ŝtonegojn, kiuj kuŝas laŭlonge de la Gailrivero kaj plenigas la tutan valon.

(el la « Letero el Karintio »)

## — MINIMUNDUS —

Dum la tuttaga ekskurso i.a ni vizitos Minimundus :

Minimundus — estas la nomo de la miniaturурbo ĉe la « Lago de Wörth » en Klagenfurt. Oni intence elektis ĉi tiun nomon, se jam la « Malgranda mondo ĉe Lago de Wörth » ne prezentas la tutan mondon, ĝi tamen montras gravan kontinenton : Eŭropon en la varieco de ĝiaj regionoj, esprimita en la stilo de ĝiaj konstruaĵoj. Same ne estas hazardo, ke ekestis ĉi tiu miniatururbo ĝuste ĉe la orienta bordo de la Lago de Wörth, ĉar ĉi tie kruciĝas depost jarmiloj gravaj trafiklinioj, sur kiuj depost pratempoj eŭropanoj migradis tien kaj reen, kio daŭras, malgraŭ ĉiuj politikaj ŝanĝiĝoj ĝis en niaj tagoj. Pro tio certe eŝtis feliĉa ideo doni al la « Malgranda mondo ĉe Lago de Wörth—Wörthersee—» internacie—eŭropean karakteron. Ĝis nun estas reprezentataj en Minimundus 9 eŭropaj ŝtatoj per vidindaĵoj kaj konstruaĵoj, kiuj servas al la ĉiutaga vivo de la homoj kaj per tio estas koncentrita elmontro de eŭropaj vidindaĵoj. Le nepra modelfideleco per kiu la objektoj estas faritaj, permesas la seriozan studadon de famaj konstruaĵoj kaj de diversaj arkitekturaj stiloj, tiel, ke vizito de la « Malgranda Mondo » ne nur estas plezuro, sed ankaŭ instrua. Sed « Minimundus » ne nur volas esti simbolo de eŭropa kulturo, ĝi estas unuavice verko, farita per kunlaborado de libervolaj helpantoj, kiuj volas servi al socialaj celoj — « Savu la infanon ». Ĉiu vizitanto de Minimundus kontribuas al ĉi tiu nobla celo, helpi al la plej bedaŭrinda junularo.

## TRILANDANGULO

**« Aŭstrio**

**Italio**

**Jugoslavio »**

Supre de

ARNOLDSTEIN




en altaĵo de 1509 m troviĝas la trilandangulo. Grava punkto en Eŭropo, konsidere ke ĉi tie ne nur allimas simple tri landoj, sed la tri grandaj eŭropaj kulturpopoloj. Nome, la germanoj, romanoj kaj slavoj. Ĝi situas en

pitoreska, montara regiono kaj prezentas ankaŭ belegan perspektivon al la famekonataj, karintiaj lagoj. Pro la proksimeco de la Adriatiko (80 km) regas tre agrabla, sunriĉa klimato kun multe da neĝo dumvintre. Pro tio oni kreis lastjare modernan ski-sportejon kun unu el la plej grandioza skiejo de Eŭropo. Vintre kaj somere funkcias seĝlifto, kiu estas atingebla de la fervojstacio post 20 minuta promenado. La veturado daŭras 18 minutojn kaj post denove 30 minuta promenado oni atingas la trilandangulon. Dumvoje oni povas ĝui restadon en allogaj montargastejoj. Entute vere ŝatata ekskurso.

Ne estas hazardo, ke la LKK de la 27-a IFEF-Kongreso elektis tiun ĉi progreseman lokon. Ja temas pri predestinita, internacie elstara regiono. Por demonstri tiun ĉi fakton, oni inaŭguros ĉi-okaze en Arnoldstein « Esperantostraton », kiu gvidas tra fervojista loĝkvartalo. Per tio — unufoje pli — evidente efektiviĝos nia moto : « Fervojoj ligas la landojn, Esperanto la popolojn ».

Do, koran bonvenon en la Trilandangulo ! M. Stuppnig.

## TERMIKA KURACBANLOKO WARMBAD VILLACH

### Akrato-termika fonto 30° C

La varmaj fontoj de Warmbad-Villach ekzistas en kvar diversaj fontoj kun plenumo de 15 milionoj litroj po tage.

Ili posedas la kvaliton de Akratotermikoj, en kiu abunde leviĝas liberaj fontaj gasoj. Tiuj sintezas plej ofte el nekombineblaj gasoj kaj entenas radium-emanationon (radono kun proksimume 2,0. 10-9 Curie/litro) kaj pro tio ili estis signataj kiel radonportanta kaj radioaktiva (Scheminzky 1962).

Ili estas la kaŭzo de kromaj stimuladoj, kiuj subtenas la termikan efikon de la kurac-akvo al la sangocirkulo. Krome la termikoj posedas specialajn biologiajn kvalitojn, kiuj efikas fortan bremsadon de koloida kemia maljuniĝado kaj aliaj multaj efikoj al la malsanaj kaj elĉerpitaj homoj. Estas kompreneble, ke la kurac-fontoj de Warmbad-Villach jam estas konataj ek de multaj jaroj kiel regeneraciaj kaj junigaj fontoj kaj dum la nuntempa vivmaniero ili faras la eblecon de specifa kuracado por statoj, kiujn oni ofte nomigas per la kolektiva nomo « malsano de Manager ».

**Termika halbanejo**

La novkonstruita, kun ĉiu komforto ekipita termika halbanejo prezentas la plej bonan manieron de banado. Ĝi estas malfermata ĉiutage, ankaŭ dum dimanĉoj kaj festatagoj. La halo situas rekte super la fonto kaj estas granda, originala fontkapto. El la ŝtoneta fundo ŝprucas konstante kristalklara akvo de 30° C kun amaso de 70-120 litroj/sekundo kaj plenumas la grandan basenon en grandeco da 25 × 15 metroj, kun profundeco da 1,5 metro. La enhavo noviĝas ĉiam post 1-2 horoj. Kun la termala akvo leviĝas granda amaso de nekombineblaj gasoj (emanationo), kiuj estas klare videblaj kaj rimarkeblaj kaj kiuj faras agrablan, pikpikan stimuladon sur la haŭto.

Per la efiko de la Akrato-termiko kaj per la aldonaĵo de la radioaktivaj gasoj la banantoj ricevas duoblan sanigan efikon. La nekontroleblaj aktivaj movadoj en la akvo kaŭzas sekve de pliintensa spirado altigatan absorbon de gasoj kun radono. Ili posedas la plej grandan koncentradon super la elirlokoj, rekte super la akvosurfaco. Por ĉiam konstanta temperaturo de la aero en la ejoj de la termika halbanejo zorgas dum somero kaj vintro klimata instalaĵo, kiu gardas optime la koncentradon de la fontaj gasoj.

## ANONCO

Ĉu la mond-civitanoj pravas? Por objektive informiĝi pri tiu grava demando, legu la cirkuleron nº 16 de la « Internacia Esperanto - Centro de la Mond-civitanoj », nepre legindan kaj diskonigendan! Skribu al s'ino R. Volpelière, 10, rue de la Servie, F-30 Nîmes. - FRANCIO (Bonvolu sendi kelkajn poŝtmarkojn aŭ internaciajn respond-kuponojn. Dankon.)

**Korekto**

IF n-ro 5/1974 menciis, ke DSB uzas Esperanton en la horareto por internaciaj trajnoj.

Kaj estis menciita adreso, al kiu estu rekomendinde sendi dankleteron.

Bedaŭrinde ensteliĝis eraro.

La ĝusta adreso, al kiu sendi la leterojn — cetere tre apoginda afero — estas : DSB, koreplanskontoret, Solvgade 40, DK-1349 Kobenhavn K. - DANIO -

## KONGRESO




**60-a UNIVERSALA KONGRESO 26-a de julio — 2-a de aŭgusto 1975, Kopenhago (Frederiksberg), Danlando**
Konstanta adreso : Universala Kongreso de Esperanto, Nieuwe Binnenweg 176, Rotterdam-3002, Nederlando.

## NEKROLOGOJ

**FRANCIO**

Kun profunda malĝojo, ni sciigas ke, fine de Septembro, for-pasis preskaŭ subite, pro cerba kongesto, en la aĝo de 67 jaroj, nia bona amiko.

Maurice MONGEOIS

Li estis esperantisto de post kvardek jaroj, kaj Prezidanto de la Esperanto-Grupo en EPERNAY.

Ni estas tute certaj ke, en Esperantujo, la sciigo pri lia morto trovos doloran eĥon, speciale en tiuj, kiuj havis la ŝancon koni persone lin.

Pacan ripozon por li!

La Esperanta-Grupo EPERNAY.

**BRITIO**

ni perdis la 26-a de novembro 1974 nian longjaran aktivan kaj fidelan membron

Cliff PARRY

Dum multaj jaroj li portis la tutan ŝarĝon de BAEF, kies honora prezidanto li estis. Precipe ni memoras lin ek de la kongreso en Stoke-on-Trent, kie li aktive kunlaboris.

Ni konservas al li bonon memoron.

**La Redaktfino por la venonta IF estas 15.3.75**
**Presejo : Editions Polyglottes - 232, rue de Charenton 75012 Paris - Francio**